Decembro

# Argentina E-Vento

10-a jaro
n-ro 24
2005:4

Oficiala organo de Argentina Esperanto-Ligo

# Esperanto y la Expo Educativa 2005




BUENOS AIRES: Del 20 al 22 de octubre, tuvo lugar en el predio de "La Rural" la Expo Educativa 2005. Entre los diversos stand se destacó el de la "Escuela Argentina de Esperanto", que es una entidad nacional que promueve la difusión y enseñanza del idioma internacional en nuestro país junto a la Liga Argentina de Esperanto. La experiencia ha sido exitosa, destacándose las visitas del Ministro de Educación de la Nación Dr. Daniel Filmus y del Ministro de Cultura y Educación de la Provincia de Buenos Aires, Prof. Mario Oporto a los que se informó ampliamente sobre las ventajas y alcances del esperanto. Además, cabe señalar el gran interés manifestado por el público, pues un total de 174 se inscribieron para el curso de esperanto organizado por Argent-EJO. *[Ver página 5].*

# Argentina E-Vento

10-a jaro n-ro 24 2005 [4]

Oficiala organo de
Argentina Esperanto-Ligo
[Argentina Esperantisto 1917-1995]
Aperas kvaronjare/Trimestral



Redaktoro -ekde 1996-
Rubén T. Diaconu Tkachenco
Calles 119 y 122
AR-H3700FTT Pres. R. Sáenz Peña
Argentino
E-poŝto: rubendiaconu@yahoo.com.ar




## AEL Jarkotizo

Individua Membro:..........$ 20,00
Junulo kaj Emerito:..........$ 10,00
Virtuala Membro
-kai donacoi-: .................. laŭvole

## El la Redaktejo

***Karaj legantoj:***

Pluraj estas la kialoj por ĝojiĝi kun ĉi-tiu numero. Unue: *Argentina E-Vento* jam aperis dum 10 jaroj kaj per nia venonta eldono, (marto/2006) ni festos nian 10-an datrevenon. Due: la ĉi-kuna enhavo plenas je landa aktivado, t.e. pri Ago-tago, renkontiĝo, renovigo de TTT-ejo, partopreno en la "Eduka Ekspozicio 2005". Trie: okaze de Kristnasko kaj Novjaro 2006 ni kore deziras ĉion bonan al vi ĉiuj: Amon, Sanon kaj Pacon!

Do, bonan legadon!

*Via Redaktoro*

## Enhavo

# Novedades del esperanto y su entorno

***Las múltiples actividades que se desarrollan en torno del esperanto permiten las más diversas posibilidades de difusión. Estas oportunidades frecuentemente son aprovechadas por los esperantistas atentos y diligentes.***

- **En 2006 se cumplirán 10 años**

Con este número, *Argentina E-Vento* completa su colección anual y el próximo número (25), en marzo de 2006, será su 10° aniversario en esta nueva etapa a partir de la unificación de AEL-AEL realizada en diciembre de 1995.

- **Mundial de Ajedrez**

*La esperantista Judit Polgar participó del campeonato mundial de Ajedrez 2005.*

El Campeonato Mundial de Ajedrez 2005, [http://www.wccsanluis.net/], tuvo lugar desde el 27 de septiembre hasta el 16 de octubre en hoteles de “Potrero de los Funes” (San Luis). El evento internacional fue organizado por la FIDE [Federación Internacional de Ajedrez] en coordinación con la Provincia de San Luis, la secretaria Nacional de Deportes y los clubes argentinos de ajedrez.

Judit POLGAR, fue especialmente invitada a participar por primera vez en un campeonato masculino, es campeona mundial de ajedrez, de nacionalidad húngara y habla la lengua internacional esperanto desde su infancia. Su hermana mayor Susan POLGAR también es esperantista, campeona mundial de ajedrez y preside la *"The Susan Polgar Foundation"* http://www.susanpolgarfoundation.org/ una fundación que promueve el deporte y sobre todo el ajedrez entre las mujeres.

Los partidos fueron transmitidos por Internet y el campeón resultó el búlgaro Veselin Toparov. [http://www.ajedrezdepunta.com/].-

- **III Encuentro Internacional sobre Diversidad Cultural**

A partir del 5 de septiembre de 2005, se realizó en Buenos Aires, el "III Encuentro Internacional sobre Diversidad Cultural", con la participación de representantes y secretarios de cultura de unas 200 ciudades de la "Red Iberoamericana de Ciudades para la Cultura" y el Foro sobre el "Pensamiento Urbano". Las conclusiones del encuentro se elevarán a la UNESCO, para la próxima Asamblea General que tratará el tema de la nueva sociedad global intercultural y multilingue.

Como es un tema muy relacionado a los intereses del Movimiento Esperantista, Silvia Rottenberg y Roberto Sartor asistieron en nombre de AEL, contactando, de alguna manera, diversas personalidades y a los "embajadores" culturales, a quienes se ha entregado un folleto sobre el esperanto. La única persona con la que se estableció un contacto más firme, -aunque muy atareada, pero quizás ella participaría en la próxima Asamblea de la UNESCO en París, en octubre-, es la Dra. Graciela GUARIDO, Secretaria de Cultura de la Nación y aunque no prometió mucho, hará llegar al Embajador ESTRELLA,

información favorable sobre la posible NUEVA RESOLUCION DE LA UNESCO SOBRE EL ESPERANTO, cuyo texto ya conocemos pero aun no podemos divulgarlo hasta que se haga oficialmente. La Resolución sería propuesta por Lituania, Polonia, Hungría, China y otros países, junto a UEA, Civito y otras instituciones internacionales relacionadas directamente con el esperanto.
http://www.buenosaires.gov.ar/areas/cultura/noticias/?modulo=ver&idioma=es&item_id=3&contenido_id=6127

- **Importante Participación**

El 7 de septiembre de 2005, R. Sartor y S. Rottenberg participaron en Buenos Aires, en nombre de AEL, "Liga Argentina de Esperanto", en la presentación del libro del Dr. Guzman Carriquiry Lecou titulado "Una Apuesta por América Latina" (editorial Sudamericana). El autor es un escritor uruguayo de renombre y reconocida trayectoria política internacional. Estuvo presente entre otros el Ministro de Economía Dr. Roberto Lavagna. Se hizo un análisis muy bueno de la actual situación del mundo y de la comunidad de naciones sudamericanas que el libro refleja hasta antes de la catástrofe de Nueva Orleáns. Aunque el enfoque era económico social, se hizo mención del problema lingüístico: durante las exposiciones se habló de la unidad lingüística sudamericana y del problema de Europa que no tiene medios de "zafar de su torre de Babel idiomática". Nadie habló del esperanto directamente pero *la "creación de una sociedad multicultural"* en la globalización, no es posible sin los parámetros de la unidad y solidaridad que propone el proyecto de la lengua común esperanto.

- **Televisión en esperanto**

Ya se puede ver en Internet a "ITV - [Internacia Tele Vido]- en esperanto".

Abriendo <http://internacia.tv> ya pueden verse el fluir de las imágenes de ITV-ESPERANTO, la televisión internacional en esperanto a través de Internet con libre acceso mundial.

A partir del 5 de noviembre, algo que parecía inalcanzable es una realidad, y no se trata de un simple sitio de Internet con videos sino de un verdadero canal televisivo con propagandas, sponsor, programas, películas, documentales, entrevistas, etc. Se invita visitar el sitio, ver la emisión y enviar sus comentarios a: <admin@internacia.tv>

*Gxangalo/Heroldo de Esperanto*

**¿Ya renovó su adhesión 2006 a AEL?**

Envíe el cupón adjunto, con sus datos y sea parte del Movimiento Argentino de Esperanto! Ver pág. 15

## 15 de Diciembre: Día del Esperanto

En "Esperantio" [mundo entorno del esperanto], el 15 de Diciembre es un día muy importante. Esto se debe a que el 15 de Diciembre de 1859, nació en Bialystok, Polonia, Lázaro L. Zamenhof, iniciador de la lengua internacional. Por tal motivo, de diversas maneras, clubes, asociaciones y grupos de simpatizantes del esperanto en todo el mundo festejarán este acontecimiento.

Esta Redacción en nombre de AEL desea a todos sus amables lectores: ***"Feliĉan Tagon!"***

# "Eduka Ekspozicio 2005" en Bonaero




*Silvia Rottenberg*
*kaj Nacia Ministro pri Edukado*
*Daniel F. Filmus.*
*[Fotis R. Sartor]*

**De la 20-a ĝis la 22-a de oktobro 2005, okazis en Bonaero, la Eduka Ekspozicio. [Expo Educativa 2005].**

Bonaeranaj gesperantistoj (membroj de BEA kaj Argent-EJO) partoprenis ĝin per speciala budo nome kaj de la Argentina E-Lernejo, *[Escuela Argentina de Esperanto]* kaj de AEL

La ekspozicio donis ŝancon reklamadi publike nian lingvon, kune kun kaj apud centoj da aliaj lernejoj kaj ĉefaj universitatoj.

En la budo *[stand "F-36"],* dum la tri tagoj, oni deĵoris ekde la 9h00 ĝis la 21h00 horo, kaj estis vizitita de kelkmiloj da personoj, ĉefe gejunuloj, al kiuj estis disdonitaj pli ol mil faldfoliojn kun informoj pri Esperanto.

Okazis pluraj gravaj kontaktoj i.a. kun iamaj lernintoj de E-o. Menciindas la viziton de kelkaj guberniestroj kiuj jam konatiĝis kun E-o dum iliaj junaj jaroj, ekz: Bonaera Ministro pri Edukado prof. Mario N. Oporto, sed tre interesa estis informiga konversacio kun d-ro. Daniel F. Filmus, Nacia Ministro pri Kulturo kaj Edukado kiu post la solena malfermo, vizitis la E-budon kaj interesiĝis pri ĝi kaj oni donis al li diversajn informaterialojn pri E-o kaj la UNESCO-Konferenco

Plie, ekzakte 174 jam sin enskribiĝis por partopreni en la kurso de Esperanto kiu komencos en novembro.

Lunde vespere oni kunvenis ĉe BEA-sidejo por taksi la agadon dum la evento. Sed jam oni scias ke ĝi estis sukcesa, kaj pruvis pri kio la argentinaj esperantistoj estas kapablaj.

Oni povas vidi kelkajn fotojn ĉe la ALBUMO DE AEL en <argent-reto> de "Yahoo-grupo".- *RoSar*

# AEL-Informas



[Laŭ informoj de la sekretario]

## • Ago-tago en Bonaero

Okaze de la ĉijara Ago-tago, oni kunvenis en Bonaero: sabate la 1-an de oktobro 2005, ĉe la sidejo de strato Paraguay 2357, de la 18h00 ĝis la 20h00. Partoprenis dekdu ges-anoj (vidu fotojn ĉe: http://ar.photos.groups.yahoo.com/group/ argent-reto/lst) kaj dum konversacia rondo oni komentadis, inter aliaj, pri:

- UEA mesaĝoj de "Ago-tago" kaj "Alvoko rilate al la laborplano" kaj cirkulero de Maritza Gutiérrez, UEA-estrarano pri Landa kaj Regiona Agado.
- Unua Bulteno kaj afiŝoj de la 91-a UK-Florenco, senditaj el Italio de M. Magdalena Lissi por disdoni en nia lando.
- Nia kampanjo por aliĝi al UEA kaj al AEL 2006, kaj la temoj de nia venonta jara AEL-asembleo.
- La Monografio pri Esperanto, prezentita por Licencio en la Universitato de Tucumán, fare de E. A. Battig kaj J. M. B. Keena.
- Partopreno en la bonaera Ekspozicio pri EDUKADO, kiu okazis la 20an/23an de oktobro.
- Reorganizo de nia "Bonaera Esperanto-Centro"

Notinde, ke en la mesaĝoj de UEA-prezidanto R. Corsetti, oni skribis pri "malfermiĝo", "profesiiĝo" kaj "pli-juniĝo" de nia agado kaj niaj organizoj. Kaj estas menciita la sukcesan Esperanto-Retkurson de d-ro Casartelli, aferon kiun ni tre dankas. En la kunveno ĉeestis kvar membroj de nia junulara grupo "Argent-EJO", kaj la lingvo parolita estis nur Esperanto.

## • Esperanta Kunveno en Patagonio

***Kiel anoncite, la 8-an de oktobro, en San Carlos de Bariloche, [RN] sukcese okazis la Esperanto-Patagonia Renkontiĝo.***

Malgraŭ la kutimaj malfacilaĵoj por vojaĝi dum tiu ĉi longa semajnfino kaj kontakti la regionan esperantistaron, la Patagonia Renkontiĝo okazis. Multaj s-anoj, je la lasta momento, anoncis siajn malĉeestojn. Sed la tri ĉefaj "E-Rondoj" estis bone reprezentitaj:

1) Por Bariloĉea Esperanto-Rondo: Werner Schad
2) Por Elbolsona Esperanto-Rondo: Mauricio Pettinaroli kaj
3) Por Neŭken' Esperanto-Rondo: Cecilia Prudkin, Livia Barth kaj Rubén Sánchez.

Bedaŭrinde, malgraŭ nia diligenteco, ni ne sukcesis kontakti ĉiujn novajn gelernantojn nek ĉiuj esperantistoj de la Barilochea regiono, kiuj ne informiĝis aŭ ne povis partopreni la renkontiĝon.

Dum la renkontiĝo ni plenumis nian programon:

- Ĝenerala informado pri tutmonda kaj landa movado.
- UEA planagado: pri la "malfermiĝo", "profesiiĝo" kaj "plijuniĝo"
- Disvastigo kaj instruado de la lingvo en novaj tempoj.
- Malfacilaĵoj kaj novaj teknikoj, interretaj kursoj, ktp.
- Organizado kaj aktivado de lokaj rondoj, kaj "virtualaj" membroj.

Preskaŭ dum la tuta tempo ni sukcesis paroli Esperanton, hispanan lingvon ni tre malmulte uzis. (80% estis en Esperanto).

Je la tagmezo, ni kune manĝis, en urbocentra picejo. Kaj ni havis tempon promenadeti en la belaj ĉirkaŭaĵoj.

El la afiŝoj ricevitaj pri la venonta UK en Florenco unu iris por la Rondo de EL BOLSON kaj du por la turismaj ŝtataj oficejoj de Bariloche. Tiamaniere, ni certiĝos ke granda kvanto da turistoj vidos la afiŝojn al kiu ni aldonis -por eblaj estontaj kontaktoj!- la jenan tekston en ĉiu afiŝo:

**"Liga Argentina de Esperanto**:
**www.esperanto.org.ar"**

Niaj amikoj Werner Schad kaj Mauricio Pettinaroli restis tre kontentaj pro la konatiĝo kun novaj esperantistoj el *Neuquén*, kaj ni programis organizontan agadon ĝis la venonta renkontiĝo venontjare.

Ja, mi taksas tre pozitiva, tiun-ĉi kunvenon de "malproksimaj loĝantoj" de la patagonia regiono: Do ĉiuj estas invitataj partopreni nian Patagonian Renkontiĝon 2006.

***El mesaĝo de Rubén Sánchez***
*UEA-Ĉef-Delegito*

*Kelkpartoprenantoj de la Patagonia Renkontiĝo dum ekskurso. [Fotis: C. Prudkin].*



## Invitación para la Asamblea de AEL 2006

La Liga Argentina de Esperanto informa por este intermedio, que su Asamblea Anual se realizará el 11 de febrero de 2006, a partir de la hora 10:00, en la sede de Bonaera E-Asocio, sito en la calle Paraguay 2357, de la Ciudad Autónoma de Buenos Aires.

Se invita a todos los esperantistas argentinos, a participar de este importante encuentro que sin lugar a dudas redundará en beneficio, adelanto y progreso del esperanto en nuestro país.

# Propuesta a ser debatida y aprobada en la Asamblea de AEL

1.- Considerando la importancia que el esperanto está adquiriendo en el mundo a través de Internet y el aumento del número de "komencantoj", [principiantes]
2.- Considerando que mantenemos el proyecto de la ESCUELA ARGENTINA DE ESPERANTO (IGJ 1742159) como entidad reconocida por el estado y responsable de la enseñanza del esperanto en el país,
3.- Luego de la renuncia de Teresita Alaníz como representante de ILEI, *[Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj]* en Argentina, puesto que ha quedado vacante,
4- Proponemos REFUNDAR la SECCIÓN ARGENTINA DE ILEI, en cualquiera de las actuales modalidades [http://www.ilei.info/novaĵoj/FIPLV.php]: iniciación, cursos normales y de perfeccionamiento, cursos por Internet, por celulares o por correspondencia, que asociaría a quienes se proponen enseñar el esperanto, a fin de brindarle apoyo institucional y medios de perfeccionamiento en la tarea docente.
Propondríamos (luego de ser consultados), un "Comité de ILEI-Argentina" integrado pos tres miembros.
5.- El Comité elegido vería la posibilidad de pagar los 10 euros anuales por cada socio, para recibir la revista IPR - *Internacia Pedagogia Revuo*, y conducir desde la ESCUELA ARGENTINA DE ESPERANTO, la enseñanza de la lengua y la preparación de docentes.

## • Centjariĝo de la Unua E-Asocio

Venontjare, la Argentina E-Movado festos centjariĝon de la unua asocio fondita en la lando, en Buenos Aires.

"En novembro 1906, grupeto da esperantistoj fondis en Bonaero Esperantan Asocion, kaj petis al Zamenhof mem, esti honora prezidanto... kaj li jesis, respondante kun poŝtkarton... kiu estis trezoro de la grupo... Ŝajnas ke poste Richard Sharpe elportis tiun ĉi poŝtkarton al Britio... li rakontas tion en sia verko *"Travivaĵoj de RoShar"* (eldonita en 1914 en Londono) Eble, ie ajn en iu publika aŭ privata kolekto ĝi ankoraŭ estas... ĉar ankoraŭ oni ne sukcesis havi enmane la LUDOVIKITAN verkaĵon por serĉi ĉu ĝi estas publikata tie... eble en la tuta verkaro de Zamenhof.

Okaze de tia ĉi centjariĝo -ankaŭ Brazilo festos la samon- AEL lanĉos PROGRAMON de traduko al Esperanto de la plej bona literaturo argentina... eĉ se ni ne havas multajn bonajn tradukistojn ni INTENCOS ..., alloga afero por la junularo!

En la renovigita paĝo de AEL:

http://www.esperanto.org.ar, kiun nun la grupo de junuloj refaras, ni publikos unue la liston de ĉiuj verkoj de argentinanoj tradukitaj kaj eldonitaj aŭ ne eldonitaj ankoraŭ, ekz. ni havas de longe tradukita *"Don Segundo Sombra"* tradicia verko pri "gaŭĉoj", kaj "La kialo de mia vivo"... fama politika verko de EVA D. de PERON.

## • E-Kunvenoj en *Córdoba*

Oni informas ke la geesperantistoj de Kordobo ne plu kunvenas ĉe la strato Oncativo 107.

La nova adreso estas: Alvear 335 (centro) 7° "D". La kunvenoj okazas ĉiu merkredo je la 19h00.

***René Arce***

# Esti Libera...

***"Dokita Poezio" estas vizitinda dulingva (Esperanta-portugala) paĝo en interreto kaj ĉi-tie plezure ni prezentas al vi "Esti Libera", unu el la pluraj poezioj trovebla tie.***
***http://dokito.blogspot.com***



Esti libera, ja, signifas veli,
Sentime navigadi sur la maro...
Kuraĝe kaj trankvile tra l´ ondaro,
Antaŭen kaj direkte al la celo!...

Esti libera estas sur la akvo floti,
Sen pasinto, estanto kaj futuro!...
En malfacilaj horoj - sen murmuro,
Alfronti malamikojn kaj piloti.

Jes, ja! Libere vivi - batalado,
Por la ekzisto en ĉi tiu mondo,
Kun plena koro kanti en la rondo,
Ne morti, pri l´ pasinto, de saŭdado

Ho, estu vi libera sub la blu´,
Ekkantu vi kanzonon kun sonor´,
Libera en plezur´ eĉ en amor´
Libera estas boni kaj ne plu!...

***Dokito, 02/09/2005***

# Forpaso

Forpasis en Bonaero d-ro Roberto Maruottolo (1935-2005) psikoanalista kuracisto kaj elstara membro de la Argentina E-Movado, kiu instruadis la lingvon, prezidadis BEA-n [Bonaera E-Asocio] kaj ASTER-n, [Argentina Scienca kaj Teknika E-Rondo] de bonaeranaj sciencaj profesiuloj.

Ni kondolencas lian familion.-

==000==

*El Dr. Roberto Maruottolo, médico psicoanalista, falleció en Buenos Aires, el 31-08-2005, a la edad de 70 años, en la ciudad donde había nacido. Iniciado en el esperanto por el Dr. Máximo Valentinuzzi (1907-1985)*

*Insigne médico y esperantista argentino, el Dr. Maruottolo ejerció su profesión mientras dedicaba su tiempo libre a la difusión y enseñanza del esperanto.*

*Fue Presidente de BEA [Bonaera Esperanto-Asocio] y de ASTER [Argentina Scienca kaj Teknika Rondo], que agrupaba a profesionales de las ciencias y el esperanto.*

*Participó en 1981, del 66º UK de Brasilia y gracias al esperanto realizó un viaje de estudios a Japón.*

*Amigos y socios del movimiento esperantista, envían sus condolencias a la familia.*

# Impresoj pri Brazilaj E-Kongresoj

***Tri argentinanoj partoprenis, en urbo Porte Alegre, la ĉijarajn Brazilajn Kongresojn de Esperanto, t.e. de BEL kaj de BEJO. Jen tio kiu ili spertis kaj rakontis pri ĝi.***.

## [1] Impresoj pri la 25-a BEJO-Kongreso

"Nia vojaĝo al Brazilo komencis la 18-an de julio en la bushaltejo de *Buenos Aires*. Surprize, tie ni konis Rubén-n, esperantisto el *Neuquén*, kiu vojaĝis unu horo pli malfrue.

La veturo (22 horojn], estis trankvila. En la, sekvanta tago, matene, finfine ni alvenis al urbo *Porto Alegre*, kaj Gert, nia gastiganto per Pasporta Servo, atendis nian telefon-vokon por sciigi ke ni jam alvenis.

Nia unua impreso pri tiu urbo estis ke la stratoj ne estas rektaj kaj ordaj, kaj tio malfaciligis iomete nian taskon por trovi la buson kiu transportus nin al la hejmo de Gert. La urbo ŝajnas havi tre modernan arkitekturon. Krom la lingvo, ne estas multaj diferencoj kun la argentina kulturo, aŭ pli prezice, kun la apuda interrivera argentina regiona kulturo, ekz: pri la mateo (portugal-lingve *"chimarrao"*), kelkaj tipaj vortoj *"gurí", "gaucho",* ktp.

Gert ricevis nin tre gasteme - kaj poste ni iris kun li al la urbocentro por promeni kaj koni unu la alian. Lia Esperanto estas tre bona ĉar li instruis en la Gaŭĉa Esperanto-Asocio antaŭ kelkaj jaroj, kaj nun la edzino ankaŭ estas lernanta la lingvon.

La solena malfermo de la Brazila Esperantista Junulara Kongreso komencis nokte, kaj ni spektis polajn, kaj gaŭĉajn dancojn. En la sekvanta tago jam komencis la aktivaĵoj de la Kongreso, bedaŭrinde ni ĉiam alvenis malfrue ĉar la hejmo de Gert estis ege malproksima de la Kongresejo kiu estis preskaŭ en la pinto de unu el la montetoj kiu ĉirkaŭas la urbon.

La unuaj aktivaĵoj de BEJO estis interkonaj ludoj. Mi ne scias kial, sed la plejmulto surprziĝis pro nia deveno, Argentino. Ni rimarkis ke ili ŝategas ricevi eksterlandanojn en la Kongreso, okazis la samo kun aliaj nebrazilanoj, el Portugalio, Ĉinio, Usono, Urugvajo, ktp. Multajn personojn ni konis, el diversaj brazilaj urboj. Tiu ĉi okazaĵo utilis por montri al ni ke Esperanto vere funkcias en la internacia interko-munikado. Nokte, kun niaj novaj amikoj, ni manĝis en la Publika Aĉe-tcentro, unu el la simboloj de la urbo.

Kompreneble ni disvastigis nian argentinan mateon al brazilanoj kiuj neniam trinkis ĝin, -mmmm-, multaj ne ŝatis ĝin, ĉar nia preparmaniero mal-similas kaj ni forgesis aldoni sukeron por dolĉigi iomete ĝin.

En aliaj tagoj ni partoprenis en kelkaj interesaj aktivaĵoj kiel spekti rusan filmon, skotan dancon, prelegoj. Kelkaj el la partoprenantoj havis la ŝancon praktiki iomete la hispanan lingvon kaj aliaj nur interesiĝis lerni fivortojn kaj insultojn en la hispana.

***Marcelo Daniel Lucero***

## [ 2 ] Mia Vojaĝo al Brazilo

Mi klopodos supraĵe skizi mian vojaĝon al Brazilo. La 17-an de julio, je la 20h30, el Neuquén mi prenis la buson al Bonaero, kaj atingis tiun urbon je la 10h30 de la

sekvanta tago. Tie, mi renkontis s-anon Roberto Sartor, kun kiu mi havis la okazon multe babili pri movadaj aferoj, ĝis la 13h00. Je la 12h30 s-anoj Marcelo kaj Ary prenis alian buson al *Porto Alegre* [POA] (ĉar ili vojaĝis per la busfirmao PLUMA). Mia buso (busfirmao FLECHA BUS) eliris de Bonaero je la 13h00 kaj atingis POA-on dum la 19-a de julio , je la 7h00 matene. Mi prenis urban buson ĝis la kongresejo, kaj tie mi renkontis la fruajn LKK-anojn, kiuj estis aranĝantaj la ricevadon de la kongresanoj. Dank'al s-ino Lucia (LKK-anino) mi tuj trovis senpagan loĝadon en komuna loĝejo, apud la kongresejo. Ĉi tie mi klarigas al vi ĉiuj, ke la kongresejo malproksimis 15 km-oj for de la urbocentro, do, mi sentis min kiel "privilegia kongresano", ĉar mi restis nur 40 metroj de la kongresejo. Tiun "privilegion" nur ĝuis manpleno da kongresanoj, inter ili, la argentinano Jozefo Lunazzi.

La organizantoj donis al mi la oficialan programon, kongres-sakon kaj kelkajn legataĵojn. Kompreneble, mi profitis la okazon por babili kun la alvenantaj kongresanoj. Eĉ mi estis intervjuita de s-ino, kiu surbendigis miajn respondojn al ŝiaj demandoj. La 19-an de julio, je la 20h00, okazis la Solena Malfermo, ĉe la Urba Leĝo-domo, urbocentre lokita. Oni prezentis kaj la organizantojn kaj la apogantojn-simpatiantojn. Ankaŭ okazis prezentado de artaj (polaj kaj gaŭĉaj) dancadoj.

La 20-an de julio mi ĉeestis prelegon de Jimez V. Milanez pri "Kreaj Komunumoj" kaj aŭtoraj rajtoj sur interreto (je la 8h30 ĝis la 10h00). Poste, mi ĉeestis "Didaktikan Kurson", farita de Julinha Zoraide (de la 10h15 ĝis la 12h15). Post la tagmanĝo, mi ĉeestis la unuan klason de la "Kurso por Instruistoj" farita (portugallingve) de la prezidanto de BEL prof. Pedro Cavalheiro. Ĝi estis tre instruiva por mi. (Li ankaŭ tre flue kaj elegante parolas la zamenhfan lingvon). Tio okazis de la 14h00 ĝis la 17h00.

Finiĝante la "labor-tagon", mi ĉe-estis la finan parton de la prelego de Jimez V. Milanez, pri "Voĉo per Interreta Protokolo", en tre bona kaj flua Esperanto (de la 17h00 ĝis la 18h00). Dum la nokto, ekde la 22h00, okazis la BEJO-balo, al kiu ankaŭ ĉeestis multe da ge-junuloj krom "ne-tiom-junuloj" kiel mi.

La 21-an de julio, mi komencis mian duan "labor-tagon" (je la 900), ĉees-tante en salono en kiu mi rigardis dokument-filmon pri Esperanto, farita de juna esperantista ĵurnalisto-publicisto. Kvankam la filmo estis "amatore" produktita , ĝi estis tre bon-kvalita kaj kaptis la intereson de la ĉeestantaro, kiu laŭte aplaŭdis je la fino. Post la tagmanĝo, mi ĉeestis la duan (kaj lastan) klason de la jam menciita "Kurso por Instruistoj", ekde la 14h00 ĝis la 17h00. Je la fino, mi tuj kuris al alia salono por partopreni la finan parton de la prelego pri "Argentina Historio", farita de Jozefo Lunazzi. La "Arta Vespero" komencis je la 20h00, kaj en ĝi, okazis gaŭĉaj dancadoj kaj muzikludado.

La 22-an de julio, mi komencis la trian "labor-tagon" (je la 8h30 rigar-dante filmon pri "Bona Espero" kaj tuj poste partoprenante la prelegon pri SAT, fare de Jozefo Lunazzi, kaj post tiu prelego, je la 10h15, en la sama ĉambro, mi partoprenis la "Paroligan Rondon" de s-ro Ademar V. Diniz, kiu per tre interesa kaj amuza metodo, paroligis la brazilajn komencantojn. En tiu "paroliga rondo" partoprenis du eksterlandanoj (unu ĉinino kaj mi, argentinano), kiuj donis internacian etoson al tiu evento.

Post la tagmanĝo, mi ĉeestis (kiel aŭskultanto!) la Ĝeneralan Asembleon

de BEL. Ĝi montris al mi, ke la samaj problemoj aperas en preskaŭ ĉiuj landoj. Mi multe lernis pri la organizaĵ-sistemo de la tre aktiva brazila movado.

Dum la nokto, ekde la 20h30, okazis la "Ĝis Revida Vespermanĝo", en ĉuraskejo iom malproksima de la kongresejo. Amaso da kongresanoj kune manĝis bongustajn rostitajn viandaĵojn kaj ĝuis gaŭĉajn spektaklojn. Bedaŭrinde, s-ano James Piton malĉeestis, pro la ĵus naskiĝo (tre feliĉa okazintaĵo!) de sia filino. Ĉion bonan por la familio de James!!.

Mi ne povas ne mencii, ke dum la kongreso okazis malgrandajn ŝanĝojn de la originala programo, sed malgraŭ tio, la plimulto el la antaŭviditaj prelegoj bone okazis.

La lastan labortagon mi ĉeestis la Solenan Fermon de la Kongreso, kaj je la fino (12h30) mi estis intervjuita de fama brazila esperantista ĵurnalisto s-ro Givanildo, kiu surbendigis miajn respondojn por poste enretigi ilin. (Radio Rio de Janeiro).

Adiaŭante (ĝis la venonta jaro, en urbo Campinas) kelkajn geamideanojn, mi prenis la buson ĝis la urbocentro, por iomete promeni tra la centraj stratoj de POA.

Mi eliris el POA je la 17h00 de tiu lasta kongres-tago, sabaton la 23-an de julio. La 24-an de julio, dimanĉo, mi sukcesis renkonti en Bonaero kaj la prezidanto de AEL s-ro Alcides Wentinck kaj la sekretarion s-ro Roberto Sartor. Ni profitis la okazon por paroli dum unu horo, pri la movadaj aferoj.

La 25-an de julio, je la 7h00 matene, mi atingis mian urbon Neŭken', finiĝante tiun tut-esperantistan vojaĝon. Eble la du aliaj junuloj (Marcelo kaj Ary) skribos siajn respektivajn travivaĵojn. Mi taksas tre bona, la kunlaboro inter la brazila kaj la argentina movado. Ni ne devas forgesi la multfojan ĉeeston de gesinjoroj Ledon (Symilde kaj Gilbert) dum niaj kongresoj kaj asembleoj. Mi kredas ke pere de tiu interŝanĝo, ni plifortigas la sudamerikan movadon. Pro tio mi petas al ĉiuj argentinanoj: bv. ĉeesti la venontan brazilan kongreson en urbo Campinas!!!. Kaj –eble pli grave- ne forgesu partopreni nian landan asembleon dum la venonta jaro 2006, en Bonaero.

***Rubén Sánchez***

- **Radio BEL**

BEL-paĝaro ĵus lanĉis "Radion BEL". La teknikaj problemoj estis solvitaj kaj la interreta radio estas la plej bona solvo por ni. Radio BEL estas antaŭ multaj jaroj dezirindaĵo de nia esperantista movado en Brazilo. La celo de ĝi estas elsendi sonojn el nia movado: muzikaj kaj novaĵaj programoj, lecionoj en Esperanto kaj en la portugala kingvo. La unuaj 4 programeroj, kiuj estas prezentataj, estas nur specimeno kaj testo por kontroli la aŭdeblecon de la radio. Ĝuu!

***Adonis Saliba***

*http://www.esperanto.org.br*

- **Brazila Kongreso 2006**

Post la difino de la kongresejo kaj sekve certigo pri la datoj, aperis la Unua Cirkulero de la 41-a Brazila Kongreso de Esperanto. Ĝi okazos en Campinas-SP, de la 15-a ĝis la 19-a de Julio 2006. Samtempe kaj samloke okazos la 26-a Junulara Kongreso de BEJO, la brazila landa sekcio de TEJO.

La temo estas "Lerni kunvivadi - Esperanto kiel ilo por homa disvolviĝo" sed oni sentos ankaŭ historion en la aero. En la historia kongreseja konstruaĵo oni festos 100 jarojn post la fondiĝo de la unuaj E-kluboj en Brazilo. La unua, "Suda Stelaro" estis fondita en Campinas, la 17-an de Marto 1906.

*http://www.esperanto.cc/bke*

## • Esperanto ĉe UNESKO-Konferenco

UEA kaj ILEI reprezentiĝis en la Ĝenerala Konferenco de UNESKO.

La akcepto de tri gravaj norm-donaj dokumentoj kaj la reelekto de Koïchiro Matsuura kiel ĝenerala direktoro markis la 33-an Ĝeneralan Konferencon de Unesko, kiu kunvenis en Parizo de la 3-a ĝis la 21-a de oktobro. Por la Esperanto-movado la plej interesa el la akceptitaj dokumentoj estas la Konvencio pri la Protektado kaj Antaŭenigo de la Diverseco de Kulturaj Esprimoj, en kiu Unesko denove rememorigas pri la lingva diverseco kiel fundamenta elemento de kultura diverseco. La du aliaj novaj dokumentoj estas la Internacia Konvencio kontraŭ Drogoj en Sporto, kaj la Universala Deklaro pri Bioetiko kaj Homaj Rajtoj.

En la programo de la Konferenco estis ankaŭ festo por omaĝi la 60-jariĝon de Unesko.

UEA kaj ILEI, kiuj estas en operaciaj rilatoj kun Unesko, estis invititaj al la Konferenco kiel observantoj. Reprezentiĝis entute 57 el ĉ. 350 neregistaraj organizaĵoj kun operacia statuso ĉe Unesko. Kiel delegitoj de UEA ĉeestis Renee Triolle kaj Barbara Despiney, dum Jean-Pierre Boulet, Monique Arnaud kaj Francois Lo Jacomo reprezentis ILEI. Krom partopreni en pluraj kunsidoj de la Konferenco, ili havis kontaktojn kun delegitoj de ŝatoj kaj de aliaj internaciaj NRO-j La esperantistaj delegitoj partoprenis ankaŭ en la ekspozicio pri la Unesko-programo "Edukado por ĉiuj". Same kiel kelkdeko da landaj kaj NRO-aj delegitoj, R. Triolle nome de UEA kaj F. Lo Jacomo nome de ILEI prezentis en du-minutaj filmetoj, kiel la du Esperanto-organizaĵoj kontribuas al tiu ĉefa programo de Unesko. La filmoj estis senĉese montrataj en la halo de la Unesko-domo, kie okazis la ekspozicio.

*Gazetaraj Komunikoj de UEA n-ro 218*

## • Alvoko al interpretistoj

Dum la lasta studsesio de TEJO en Strasbourg (2004) montriĝis kiom malfacilas trovi multajn interpretistojn inter angla lingvo kaj Esperanto. La organiza teamo sukcesis trovi tri, sed unu ne povis labori. Feliĉe la teamo trovis anstataŭiganton. Sed ne nepre TEJO estos tiom bonŝanca estonte.

La problemo rilate al tio-ĉi estas trovi homojn kun sufiĉe altnivelaj kapabloj kaj spertoj en tradukado - kaj tio-ĉi ne nur gravas por studsesioj kun oficiala interpretado en oficialaj strukturoj postulantaj altan nivelon, kiel la menciita studsesio ĉe la Konsilio de Eŭropo. La bezono ekzistas en ĉiuj niveloj - de lokaj Esperanto-renkontiĝoj kun urbaj gvidantoj en la loka lingvo ĝis grandaj aranĝoj kiel IS, IJK kaj UK.

Kiel solvi tion-ĉi? Ĉefe per trejnado de jam ekzistantaj interpretistoj por plibonigi ilian nivelon kaj por ekhavi pli grandan elekton. Sed por tio ni bezonas eltrovi jam laborantajn interpretistojn kaj interesulojn kaj kunlaborante kun ili krei laborgrupon ene de ILEI kaj TEJO/UEA.

La celo de tiu-ĉi alvoko estas kolekti interesulojn kaj fondi laborgrupon. Se vi interesiĝas, bonvolu kontakti:

David-Emil Wickstroem
*(dew@tejo.org)*
*tejo-estrarano pri kongresoj*
*kaj aktivula trejnado*
*http://www.tejo.org/at,*
*http://artista.ikso.net*
*Renato Corsetti, Via del Castello, 1,*
*IT-00036 Palestrina, Italujo*
*renato.corsetti@gmail.com*

# Fondiĝis
# Monda Asembleo Socia

La 2-an de aŭgusto 2005, post kvinmonata reta diskutado, interkonsentiĝo kaj fina aprobo de sia fundamento (statuto, oftaj demandoj kaj regularo pri aliĝoj), MAS, la Monda Asembleo Socia, oficiale fondiĝis - oficiale, ĉar MAS laboris jam dum sia fondoperiodo. Jen cetere sufiĉe unika maniero fondi asocion - kaj ankaŭ sufiĉe interesa, ĉar ĝi ebligis senurĝe kaj ĝisfunde pridiskuti la fundamenton de la asocio kaj interkonsentiĝi pri ĝi - ĝi estis fakte la unua paŝo de nova vojo de memorganiziĝo de asocio, kies ecoj estas same novaj. **Kio estas MAS?**

La tutmonda organizo de ĉiuj homoj kiuj ne nur konvinkiĝis ke pli bona mondo eblas, sed kiuj pretas kune diskuti kaj agi por realigi ĝin. Ili agas por la monda paco, defendas la interesojn de la tuta homaro kaj klopodas por evoluigi - komencante ĉe si mem - eksternacian pens- kaj agmanieron home solidaran. Ili strebas kontribui al starigo de mondvaste senklasa socio sen ekspluatado, socio kiu respektas la dignon de siaj membroj sen distingo de aĝo, haŭtkoloro, sekso, seksa orientiĝo, etna aŭ nacia aparteno kaj kredo - socio kiu organizas sian ekonomion laŭ la bezonoj de ĉiuj siaj membroj, protektante la planedon Tero por estontaj generacioj.

MAS estas permanenta Monda Asembleo. Ĝi laboras ekskluzive per retpoŝto, ne postulas membrokotizon, estas sen piramidecaj strukturoj - ne havas estraron nek prezidanton nek konfliktkomisionon ktp, do, ĉiuj membroj decidas rekte mem, laŭ la principoj de rekta (aŭ baza) demokratio, kaj ĝi estas perfekte "travidebla" - do, nenia diskuto, decido aŭ faro estas kaŝita al iu membro. Ĉiu membro rajtas rezprezenti la asocion surbaze de ĝiaj statuto kaj decidoj.

Rigardu en ĝian retpaĝon: http://mas-eo.org Tie vi trovas ne nur informojn pri MAS mem, sed ankaŭ interesajn artikolojn pri aktualaj sociaj kaj politikaj demandoj.

**MAS vokas vin:**
Homoj, kiuj ŝatus kunlabori en la bazdemokratia asocio MAS, kaj pensas, ke ili havas la saman celon kiel ni, kaj tial volas fortigi nian asocion per siaj ideoj kaj agadoj, estos al ni tre bonvenaj. Ni ne povas havi tro da memkonsciaj membroj, kiuj kun ni volas elprovi novan vojon de memorganizado de Esperanta asocio.

MAS estas neniel konkurenco por aliaj organizoj, ne povas esti io tia, ĉar la celoj de MAS ne estas grupegoismaj. MAS estas malferma por ĉia laŭstatuta kunlaboro, kaj laŭ la statuto eĉ estas devigata al tio. Ni bezonas ĉiun, kiu subtenas niajn celojn. Samtempa agado de niaj membroj en aliaj organizoj por ni ne estas malhelpo, sed riĉigo.

Ni estas konsciaj pri tio, ke nia statuta celo estas afero, kiu bezonas longan spiron. Monda socio sen klasoj, sen militoj, kaj kun laŭhomara ekonomio estas granda celo, kompreneble ne atingebla post tri jaroj. Per ĝia fondo kaj eklaborado ni metis nun la fundamenton por organizo, en kiu la individuo denove povas esperi ne esti la ludilo por aliaj. Ĉe MAS neniu havas “la potencon” kaj neniu havos ĝin, ĉar laŭ ĝia strukturo - fiksita en la statuto - tio ne eblas. Tial ĉiu, kiu volas ne esti ŝafo por iu alia, ne havas kialon por maltrankviliĝi aliĝante al MAS - ni volas elprovi novspecan organizon, kiu estas vivtenata ne per burokrata maŝino, sed rekte de la membroj mem. MAS vokas vin!

***Vilhelmo Lutermano*.**

*Le Monde diplomatique en Esperanto*
*http://eo.mondediplo.com*
*MONDA ASEMBLEO SOCIA (MAS)*
*http://mas-eo.org*

# Anuncios

## Agradecimiento

Por las adhesiones y colaboraciones recibidas AEL agradece a: J. Schafheutle, F. Inocencio, Ernesto R. Moreira , NN, A. N. Muñoz, R. Sartor, R. Sánchez, P. Gutiérrez.

## Cómo enviar su adhesión

Si Ud desea abonar su adhesión o colaborar con las tareas de AEL envie su donación mediante depósito en Banco Francés, -sin costo-, cuenta N° 147-005789/3, a nombre de
Alcides Pieter Wentinck
-DNI 93.709.394-
Calle Libertad 3226
B1602DJD Florida - Vicente López
Buenos Aires
y luego indefectiblemente informe sobre dicha operación a:
<wanelec@sion.com>

Si desea colaborar con la edición y distribución de la revista AE-Vento también puede enviar su contribución mediante el "Banco Patagonia" depositando su aporte en "Caja de Ahorro" suc. 110, Sáenz Peña, cuenta N° 394101439, del Sr. Oscar C. Monge, [sólo se descontará $4,84 como gasto bancario por depósito]. Rogamos informar sobre su operación a esta redacción:
<rubendiaconu@yahoo.com.ar>.

Muchas gracias a todos nuestros colaboradores.

## Libroservo

Para obtener material impreso en y/o sobre esperanto consulte al Libroservo de AEL. Visite nuestra página Web, o escriba a:

René Arce
9 de Julio 1586
X5000 Córdoba
<arserene2002@yahoo.com.ar>

## Visite

la nueva página Web de AEL, ...
¡todavía en plena etapa
de reconstrucción!
**www.esperanto.org.ar**

y envíe su opinión, sugerencias y/o informe, a:
esperanto@neunet.com.ar,
rosardek@fibertel.com.ar

## Ni ricevis

La Redakcio kore dankas pro jenaj E-ricevaĵoj: Esperanto [NL], Heroldo de Esperanto [CH], La KancerKliniko [FR], Avanco [CU], La Espero [SE]



Glumarkoj (4 x 5cm) por venotjara UK jam pretas. 12-peca folio kostas: euro 1,20. Triona rabado ekde tri folioj. Mendebla ĉe la Libroservo de UEA aŭ ĉe la redaktejo de Argentina E-Vento.

E-Disvastigo

# La Valoro de Nia Lingvo



***Laŭ "stilo Schad", klarega kaj konciza esprimo, jen kelkaj el la ĉefaj trajtoj pri kiuj Esperanto meritas esti internacia lingvo kiel vere ĝi estas.***

"Estante delegito de Universala Esperanto-Asocio en Bariloche, mi plezure faras komplezon al movado kiu strebas ke la tuta homaro profitu idealismajn kaj intelektajn kvalitojn de ĉi tiu lingva juvelo. Tio, kio min entuziasmigas pri Esperanto, estas ke ĉiuj bonvolaj homoj el ĉiuj landoj, etnoj, religioj, povas egalrajte interkomunikiĝi sensuperrego de ia nacia lingvo. Scipovante nian lingvon oni trovas amikojn en preskaŭ ĉiu lando de la tero.

Intelekte oni ĝuas la plej esprimkapablan, koncizan lingvon. La tabelvortoj (iu, kiu, ktp.), la funkcio de la trafaj prepozicioj "pri" kaj "el", la tempaj participoj, la predikativo nominativa de la rekta objekto, estas nur kelkaj el la lingvistikaj ĝuindaĵoj kiuj faras el Esperanto unikan lingvon. - Ĉiu, kiu dum jaroj parkeris la ne-regulajn verbojn kaj eksterregulaĵojn de la nacia lingvo, scias aprezi la mirige racian solvon kiu nia lingvo prezentas.

Do mi ne dubas ke en proksima estonteco oni komprenos internacie la valoron de nia lingvo kaj profitigos la homaron per ĝiaj avantaĝoj.

Esperante ke ĉi tiuj linioj helpos ke vi solidariĝu kun ni, kiuj sincere strebas plialtigi la kvaliton de la internacia homaro, vin salutas."

***D-ro Werner Schad***
*San Carlos de Bariloche*

Redakcio de Argentina E-Ligo: Calles 119 y 122, AR-H3700FTT Pres.R. Sáenz Peña, Argentino

AL




